

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (14) 2/2011, aprilo 2011

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 3an de aprilo 2011 kompare kun la versio de la 6a de januaro 2011.

## Instruado pri interlingvistiko

Kiel jam raportite, la unuasemestran kurson pri interlingvistiko partoprenis nur sep studentoj, el kiuj ses ekzameniĝis. La kompleta listo de la ekzamenitoj kaj iliaj ne vere brilaj rezultoj sekvas ĉi-sube.

| | Nomo | Ĉefa fako | Fina noto (el 10) |
|---|---|---|---|
| 1 | Berntzen, Björn | Ĝenerala lingvistiko | 7,0 |
| 2 | Doorn, Kees van | Ĝenerala lingvistiko | 7,5 |
| 3 | Jonges, Joos | Ĝenerala lingvistiko | 7,6 |
| 4 | Leonhard, Olga | Ĝenerala lingvistiko | 7,0 |
| 5 | Nieukerken, Max | Ĝenerala lingvistiko | 7,5 |
| 6 | Vellekoop, Fimke | Nederlanda lingvo | 7,5 |

Interesa kromefiko estas, ke kvar el la ses ekzamenitoj nun partoprenas en la Esperanto-kurso.

## Instruado de Esperanto

La 1an de februaro komenciĝis la ĉi-semestra Esperanto-kurso, al kiu definitive aliĝis rekorda nombro de 17 studentoj (en la antaŭaj kvar jaroj ekzameniĝis po 9, 10, 14 kaj 12 studentoj). Inter ili estas tri polinoj, kiuj studas slavistikon kun la pola kiel ĉeflingvo. La nederlandanoj reprezentas diversajn lingvostudojn (la nederlandan, anglan, hispanan kaj italan), ĝeneralan lingvistikon kaj antropologion. La fina kaj ripara ekzamenoj estas antaŭvidataj por la fino de majo, komenco de junio (la ekzaktaj datoj estos kunordigitaj kun la studentoj).

## Daŭre atentinda

- La universitata kolekto pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estas trovebla sub: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De la bonveniga paĝo alklaku 'UvA catalogus' kaj serĉu libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.

## Aktualaĵoj

- **Esperanto-kurslibro.** Semajnon post semajno kreskas la Esperanto-kurslibro, kiu akompanas la kromajn devigajn lernilojn (t.e. la rektmetoda lernolibro de Stano Marček, la nederlanda-Esperanta vortaro de Petro De Smedt kaj la gramatika kompendio *Poŝ-amiko* de Beatrice Allée kaj Katalin Kováts). Ĝi ŝtopas truojn en la lernolibro de Marček kaj krome enhavas detalajn klarigojn pri la Esperanta gramatiko laŭ la perspektivo de la funkcia gramatiko. Ĉi-semestre la libro aperas felietone. Antaŭ la komenco de la nova kursjaro, la kompletigita versio estos distribuita PDF-formate al ĉiuj studintoj de Esperanto de la lastaj kvar jaroj, anstataŭe al la eksperimenta materialo ĝis nun uzita. Por la lastaj du kursoj de Esperanto, printempe de 2012 kaj 2013, la teksto estos havebla kiel broŝurita eldonaĵo de la fakultato.

- **Mentorado.** Studento pri la angla lingvo, Guido Okhuijsen, decidis dediĉi sian magistran disertaĵon al kompara leksika studo inter la nuntempaj nederlanda kaj Esperanto sub premo de la angla. Okhuijsen sukcese finekzameniĝis pri interlingvistiko antaŭ du jaroj.

- **Seminario en Piacenza.** WJ/UvA ricevis inviton de Davide Astori de la universitato de Parma, Italujo, partopreni en la organizado de dusemajna seminario pri interlingvistiko, antaŭvidata por aprilo 2012 en la nord-itala urbo Piacenza. La seminario povos ĝui financan subtenon el la programo pri Dumviva Lernado de Eŭropa Unio, kondiĉe ke, aldone al la iniciatinta universitato de Parma, kontribuos tri eksterlandaj universitatoj per po unu docento kaj minimume po tri studentoj. Kvin studintoj/studantoj de nia katedro plus WJ mem sendis principan konfirmon de kunlaboremo, malgraŭ la nedifiniteco de la programo kaj de la labormetodoj. UvA formale subtenas la iniciaton kaj plenigis la necesajn EU-formularojn, atestantajn pri ĝia partnereco.

- **Erara uzado de Esperanto.** Dank' al la disponigo fare de Katalin Kováts de detala arkivo de Hans Bakker el la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj, mi povis analizi la rezultojn de lingvotestoj, faritaj de preskaŭ 120 personoj ĉe la fino de la sesdekaj jaroj. La totala sumo de ĉirkaŭ 1200 respondoj donas interesan bildon pri la plej komunaj (kaj ankaŭ la plej maloftaj) pekoj kontraŭ la Esperanta gramatiko. La materialo estas tre uzinda en la kadro de miaj esploroj pri la travideblo de la Esperanta gramatiko, la naturo de certaj malfacilaĵoj en ĝi kaj la antaŭdireblo de erara uzado de la lingvo. Pro la kvanto kaj la relativa internacieco de la testita publiko, la materialo havas certan statistikan valoron.

- **Esplortaskoj.** En laborkunveno kun Kees Hengeveld, kiu prokrastiĝis al la 8a de marto, ni decidis, ke miaj esplorlaboroj de nun ĝis 2013 koncentriĝos al priskribo de partoj de la Esperanta gramatiko laŭ la difinoj de la Funkcia Diskursgramatiko, kun speciala atento al la travideblo de la Esperanta gramatiko (pri kiu mi raportis lastfoje). Jam antaŭ ol tiu decido estis atingita, multa laboro estis efektivigita por prepari la unuan el serio da

planataj manuskriptoj. Dum marto ni atingis internan interkonsenton pri tiu unua manuskripto, kiu traktas la preskaŭ centjaran dilemon de la (sen?)kategorieco de la Esperantaj radikoj. Ĝi estas formale submetita al internacia faka revuo kaj akceptita de la responsa redaktoro por anonima provlegado kaj prijuĝo de sia publikigindo.

- **Konferenco en Gargnano del Garda.** La 24an kaj 25an de junio 2011, Itala Esperanto-Federacio kunlabore kun (i.a.) la universitato de Milano organizos internacian konferencon pri la temo *Lingvo, povo kaj kono*. WJ prelegos anglalingve pri *Separating semantics from syntax in Esperanto. A mental struggle in the heart of Europe to get to grips with some un-European features of the language*. La teksto de la parolado estos koncizigita kaj adaptita prilaboraĵo de la manuskripto, menciita ĉi-supre.

- ***English as a Lingua Franca* (ELF) aŭ Esperanto.** UvA, kaj specife la Babela Esplorgrupo (en kiu membras Hans Erasmus kaj WJ), partoprenas en eŭropa pluruniversitata projekto nomata Toolkit (www.toolkit-online.eu). Unu el la subprojektoj studas la sekvojn de la ĝenerala enkonduko de la angla kiel interlingvo aŭ *lingua franca*. Por la 4a kaj 5a de julio, UvA iniciatis kunvoki laborkunvenon en Amsterdamo kun la aŭstraj gvidantoj de la ELF-subprojekto por pridiskuti ne tiom la supozatan *fakton* de ELF, kiom la demandojn, *ĉu temas pri fakto* kaj kial mankas serioza komparo inter la ELF-tipa solvo kaj la planlingva. WJ (kiu mem ne partoprenas en Toolkit) prelegos.

## Publikigo

La elektronika deponejo de UvA transprenis mian artikolon en *Etnismo* 86 pri la deveno de la (ĝermana) valza lingvo, parolata de malgranda minoritato en la montaro de norda Italujo. Ĝi estas legebla ĉe http://dare.uva.nl/record/371657. Bela atingo por *Etnismo*!

## Estonteco de la katedro

Ĉe la fino de la kursjaro 2012-2013, kiam finiĝos la kuranta katedra mandato, WJ definitive forlasos la katedron. Intertempe, la universitato starigis novan regularon por ĉiuj specialaj katedroj kiel nia kaj, elirante el tiu regularo kaj surbaze de siaj propraj konsideroj, IEI kaj Esperanto Nederland devos difini sian pozicion koncerne la eventualan reokupon de la katedro dum la periodo 2013-2018. UvA bezonos tiun starpunkton komence de 2012.

WJansen

Wim Jansen,
la 3an de aprilo 2011.